# Esperanto Hamburg



Hamburga Esperanto-Societo r.a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Septembro / Oktobro (4) 2012

# Bela suda lando: Harburg

**La suda parto de la lando Hamburg prezentas specialan nekonatan ĉarmon**

Ĉiutaga foirejo: *Sand*

Foto: Klehr


**Esperanto Hamburg** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67



**Prezidanto:**
*Jürgen Wulff*
Wandsbeker Chaussee 185 b
22089 Hamburg
wulff@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 431 883 47
klehr@esperanto-hamburg.de


## Karaj legantoj,

en Februaro okazis nia kutima jarĉefkunveno, dum kiu ni elektis la novan estraron. Ni sukcesis trovi laboremulojn por ĉiuj postenoj. Laŭ kutimo de la pasintaj elektoj ni decidis elekti en bloko, do ĉiujn estraranojn per unu voĉdonado. La registra juĝejo komunikis al ni, ke la elekto estis malkorekta, ĉar nia statuto ne permesas blokan elekton. Mi relegis protokolon el la jaro 1979, kiam mi eniris la estraron kiel protokolanto. La jarĉefkunveno estis la unua post la ekvalido de la nova statuto en 1978. Jam en tiu jaro la estraro estis elektita bloke; do nia societo dum 33 jaroj ne havis korekte elektitan estraron.
Tion la diversaj oficistoj en la juĝejo neniam konstatis ĝis tiu ĉi jaro. Mia argumento, ke temas pri ĝenerala kutimo dum multaj jaroj, do *rajto de kutimo,* ne helpis. Do ni ripetis la elekton. (bv. legi artikolon)
Nun, kiam montriĝis ke nia statuto estas kontraŭ la kutimoj de la asocio, ni volas ŝanĝi tion kaj, jam okupiĝanta pri ŝanĝo de statuto, ni volas kun helpo de juristo ellabori novan statuton, kiu estu adaptita al la ŝanĝiĝintaj cirkonstancoj de moderna klubo. Tiujn ŝanĝojn ni diskutos dum la venontaj monatoj kun la membraro kaj decidos pri ili venontjare dum la jarĉefkunveno.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*

KULTUR LADEN ST. GEORG e.V.

**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

Ŝtelinto ne rajtas procesi kontraŭ la priŝtelito, se la ŝtelita varo estas difektita.

Aŭstra leĝo

**Redaktofino**
**de n-ro 5/2012: 15-10-12**

**Redaktofino**
**de n-ro 1/2013: 15-01-13**

**Redaktofino**
**de n-ro 2/2013: 15-03-12**

**Harburg**, la plej suda kvartalo de Hamburg iam estis ĉefurbo de prusa distrikto. La urbodomo el la jaro 1889 reprezentas la fierecon de la tiamaj civitanoj. Bedaŭrinde la plej granda parto de la konstruaĵoj de la urbo estis detruitaj dum la dua mondmilito. Tamen en kelkaj lokoj ankoraŭ ekzistas belaj malnovaj domoj, ekzemple en *Lämmertwiete* kaj en Schloss-Straße apud la haveno. La *interna haveno* apud la restaĵoj de la iama kastelo nun fariĝas moderna centra loko en Harburg, kie oni povas labori, loĝi kaj ĝui la libertempon. La malnova haveno ne plu sufiĉas por modernaj ŝipoj, do oni decidis ŝanĝi la bele situitan apudakvan lokon por la bezono de moderna socio. Multaj entreprenoj en „Channel Hamburg“ laboras pri mikroelektronikaj projektoj.



**Lämmertwiete** Foto: B. Klehr



**Außenmühlenteich** Foto: Kay Wopersnow

La lokon de la iama fortikaĵo, sur steloforma insulo en la haveno, nun kadre de la *Internacia Konstruada Ekspozicio* (IBA 2013) estas nove surkonstruata. Granda parko centre de la insulo kaj 370 loĝejoj etas planitaj, parte jam konstruataj. La novaj enloĝantoj ankaŭ trovos varfojn por boatoj antaŭ siaj domoj. En somero en la haveno sur la *Kanalplatz* okazas malgranda kermeso-simila festo, kiu allogas multajn vizitantojn.
Alia tre bela loko en Harburg estas la granda lago *Außenmühlenteich*, sude de la centro de Harburg. Tie eblas naĝi en la lago aŭ promeni en la apuda parko.
En vintro, kiam la lago glaciiĝas, same kiel sur la glacio de *Alster*, la homoj festas ĉe budoj sur la glacio. Pasintfoje venis preskaŭ 20.000 homoj.

# Granda kontraŭ-nazia demonstracio en Hamburg

Sabaton, la 1an de Junio en Hamburg okazis demonstracio de 10.000 homoj, laŭ instigo de la senato, antaŭ la urbodomo, por publike esprimi, ke la urbo malbonvenigas dekstrajn ekstremulojn. Kun la devizo „Hamburg prezentas koloron" – do Hamburg montras sian opinion kontraŭ nazioj, kiuj kunvenis samtempe por demonstracio en la Hamburga kvartalo *Wandsbek.*
Inter la demonstrantoj estis ankaŭ *d-ro Dieter Graumann*, ĉefo de la juda organizo *Zentralrat der Juden,* kiu estis en Hamburg, ĉar dum tiu sama semajnfino de la 1a ĝis la 3a de Junio 2012 en Hamburg kunvenis proksimume 240 delegitoj de judaj komunumoj en Germanio.
Spontanee d-ro *Graumann* ekparolis al la ĉeestantoj, esprimante la deziron, ke aliaj urboj transprenu la Hamburgan ekzemplon. Kun rilato al la *kumunuma kunveno* li diris: "Ni ne lasis nin forpeli" kaj "Tuta Germanio devas fariĝi sen-faŝista zono".
La juda verkisto kaj travivinto de hitleraj persekutadoj en Hamburg, *Ralph Giordano* diris:
"Vivu sen-nazia Hamburg –
vivu sen-nazia Germanio."



**D-ro Graumann parolas antaŭ la urbodomo** Foto: Rafael Herlich

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St. Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg • 19.00 h la membroj kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

Ĵaŭde de 18.30 h ĝis 19.30 h ***Paroliga Rondeto:*** praktikado kaj ekzercado de la lingvo

## Septembro

**1** (Sabato)
**Ekskurso al Bad Zwischenahn**
**8.50** Renkontiĝo en Hauptbahnhof
(nur kun antaŭa aliĝo)

**6** *Jürgen Wulff:* **La interretpaĝaro de Hamburga Esperanto Societo kaj kiel bone uzi ĝin**

**8** (Sabato)
**Biciklado tra Allermöhe**
kun *Klaus Friese*

**9** (Dimanĉo)
**Jubiläums-Fest des Kulturladens**

**13** *Ralph Glomp:* **Falsaj amikoj 2**
(eraroj pro simileco de vortoj)

**20** *S-ro E. Ule:*
**intal, eine Kompromiß-Sprache**

**26** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**27** *Philip Newton:*
**Stiefografie** – speciala formo de stenografio

## Oktobro

**4** *Hannelore Brunow* prelegas pri
**la komponisto Gurlitt**
kaj pianoludas liajn verkojn

**11** **Radio Verda:**
Ni aŭdas aktualajn podkastojn de la interretpaĝaro www.radioverda.com

**18** *Karin Bouchain, Philip Newton kaj Dominik Grauert* raportas pri sla vojaĝo al Nitra en Slovenio:
**SES – Somera Esperanto Studado**

**24** Merkredo 18.30 h
**Estrarkunveno** (publika)

**25** *Mariko Aoshima* **prezentas**
timigan filmon usonan en Esperanto ĝustatempe antaŭ la festotago de Ĉiuj Sanktuloj
sen titolo, 77 minutoj

## Novembro

1 *Dominik Grauert:* **Muzaiko**
Muzaiko estas tuttempa tutmonda tutmojosa tutesperanta retradio.

# Hamburg-Enigmo



**Kie en Hamburg troviĝas tiu ĉi pordo?**

Foto: Vikipedio

# Naciismo kaj piedpilko

George Orwell iam nomis la piedpilkon „milito minus pafado“. Kaj ofte en la piedpilka historio oni rigardis la rezulton de la renkonto kiel venkon aŭ malvenkon de la tuta lando; kelkfoje la naciaj konfiktoj eĉ montriĝis ankaŭ violente en kvereloj inter la kontraŭaj entuziasmuloj.
Hodiaŭ internaciaj ĉamplonadoj pli memorigas al iu grandega nacia teatraĵo, de patriotaj gestoj de la ludantoj, la kantadoj kaj la ritualoj de la zelotoj naciaj sur la galerioj de areno ĝis la „ni-sentado“ dum t.n. „public viewing“ (publika rigardado).
Sed en la piedpilko de ĉiutaga vivo ankaŭ montriĝas la negativaj flankoj de la naciismo: Fajfadoj dum la kontraŭaflankaj himnoj, rasisimaj manifestacioj kontraŭ unuopaj ludantoj kaj tumultoj de naciismaj entuziasmaj grupoj antaŭ la stadionoj.

*Tradukita de Marianne laŭ RF-programo*

# Someraj gastoj en la klubo

Ĵaŭdon, la 26an de Julio vizitis nin tri gastoj:
Bill, komputila specialisto el Honkongo kaj Mathieu kaj Celine, gestudentoj el Francio.
La kluba programo dum tiu vespero estis gramatikaj ekzercoj, en kiuj ankaŭ partoprenis la gastoj. Ni ĉiuj ne nur lernis ion pri esperanto, sed ankaŭ pri diferencoj inter la eŭropa kaj ĉina kulturoj.





Fotoj: J. Wulff

# 100 jaroj viv-savantoj




Deutsche Lebensrettungs-Gesellschaft (DLRG) estis fondita en Binz (Balta Maro) post granda akcidento ĉe la ŝipalvenejo kun deksep viktimoj, ĉar nur malmultaj homoj povis naĝi. Hodiaŭ la volontuloj gardas preskaŭ ĉiun naĝejon en Germanio.

# Bicikla ekskurso ĉirkaŭ la Akvo-Parko Dove-Elbe

Karaj gesamideanoj!

Mi invitas vin partopreni mian biciklan ekskurson sabaton, la 8an de Septembro 2012. Startloko estas S-Nettelnburg/Edith-Stein-Platz, 20095 Hamburg (metro-stacidomo/suda flanko) je la 11 horo.
Sur nia vojo troviĝas belega pejzaĵo, modernaj kaj malnovaj konstruaĵoj kaj la pitoreska cirkaŭaĵo de la river-brako Dove-Elbe.
La venkota distanco estas ĉirkaŭ 23 km, do sen paŭzoj oni bezonas nur 2 ½ horojn.
Post la ekskurso (verŝajne inter 14.30 kaj 15.00) mi invitas vin trinki kafon en mia domo Rosa-Schapire-Weg 9, 21035 Hamburg.
Ne forgesu kunporti pluvmantelon kaj aerpumpilon kaj aliĝu!
(Pliaj detaloj en esperanto-hamburg.de)

Informoj: klaus_friese@yahoo.de

# Eksterordinara elekto

La 9an de Aŭgusto 2012 Hamburga Esperanto-Societo okazigis eksterordinaran membrokunvenon, nur por elekti la estraron. La juĝejo por asocioj postulis tion, ĉar en Februaro 2012 la elektoj ne konformis al la statuto. Ni kutimis elekti la tutan estraron per unu voĉdonado, nomata „en bloko“.
Pluraj superaj tribunaloj en aliaj kazoj decidis, ke la bloka elekto nur estas permesita, se la statuto eksplicite permesas tion.
OLG Bremen · Beschluss v. 1.6.2011 · Az. 2 W 27/11
KG Berlin, Beschluss v, 30.1.2012, 25 W 78/11
Do HES invitis laŭorde ĝustatempe antaŭe ĉiujn membrojn por ripeti la elekton.
Do nun laŭorde estis elektitaj:

| | |
|---|---|
| Prezidanto: | Jürgen Wulff |
| Vicprezidanto: | Benno Klehr |
| Kasisto: | Volker Kraeft |
| Sekretario: | Peggy Ley |
| Junularaj aferoj: | Dominik Grauert |

Ĉiuj estis unuope elektitaj sen kontraŭaj voĉoj kaj ĉiuj unuope akceptis la elekton.
La 22an de Aŭgusto la protokolo estis konfirmita de notariino kaj sendita al la koncerna instanco ĉe la juĝejo por asocioj.

# Pliprofundigo de Elbo

La urbo Hamburg jam de kelkaj jaroj planas pliprofundigi la riveron por ebligi al pli grandaj ŝipoj atingi la hamburgan havenon. Unue okazis intertraktado kun la najbaraj landoj Malsupra Saksio kaj Ŝlesvig-Holstinio, kiuj ankaŭ posedas parton de la Elbo-bordo. La nuna senato volas rapide efektivigi la planojn, ĉar oni kredas, ke tiel la hamburga haveno fariĝus pli alloga por grandaj ŝipoj ĝis profundeco de 14,50 metroj, kiuj nun nur dum certaj horoj aŭ tute ne povas eniri la havenon. La rivero dum la pasinta jarcento jam plurfoje estis pliprofundigita. Jam de komence venis protestoj kontraŭ la planoj: La kontraŭuloj avertas, ke la pliprofundigo ŝanĝos la tutan ekosistemon apud la riverbordo, ĉar la fluo fariĝos pli rapida kaj la sala akvo de la maro pli forte povos flui en la riveron, kaj tiel forpelos la riverajn bestojn kaj salumos la grundan akvon de la apudrivera kamparo. Speciale la *konia enanto* (Schierlings-Wasserfenchel), kiu nur kreskas en tiu regiono, laŭ la kontraŭuloj estas en danĝero.

Kontraŭ la pliprofundigo en la *Federacia Administra Juĝejo* en Leipzig procesas agado-ligo de la urboj *Cuxhaven*, kiu timas perdi la elban strandon, kaj *Otterndorf*, kiu supozas perdi enspezojn de turistoj, kune kun la naturprotektaj organizoj *Nabu*, *BUND* kaj *WWF*. Laŭ ili la planoj enhavas gravajn misfarojn kontraŭ eŭropaj natur- kaj akvo-protektaj leĝoj.

# Goethe-Institut kaj IDO




Ĉu la germana Goethe-Institut ne nur okupiĝas pri la lernado de la Germana? Ĉu tiu ŝtata institucio nun subtenas *Idon*, nomata la *linguo internaciona*?

En la skriba formo ***iDO*** ĝi signifas: *internationale Deutsch-Olympiade*, do temas pri konkurso por lernantoj de la Germana.

---

# Publika ŝtonskulptado

De 24a ĝis 27a de Septembro sur Gänsemarkt estos prezentita la **prilaborado de kruda ŝtono** por konstrui novan puton por la preĝejo de s-ta Mikaelo.

Okaze de la 275a jubileo de la hamburga loĝio, la skulptistoj volas prezenti la tradician laboron de la framasonoj dum mezepoko en Eŭropo.

Framasonoj same kiel ŝtonojn volas ankaŭ prilabori la krudajn animojn de la homoj.

# Solvo de Hamburg-Enigmo



Foto: Wolfgang Meinhart / Vikipedio

# La enirejo de la loĝia domo

en *Welckerstraße* proksime de *Gänsemarkt*.

En la jaro 1737, do antaŭ 275 jaroj, estis fondita la unua framasona loĝio en Germanio. De la 28a ĝis la 30a de Septembro 2012 supozeble 3000 frimasonoj el la tuta mondo kunvenos en Hamburg por festi tiun jubileon.

La Hamburga loĝio kun nomo „Absalom je la tri urtikoj" dum tiuj tagoj volas prezenti sin kaj sian organizon al la publiko. Framasonoj dum la pasintaj jarcentoj ofte estis misfamigitaj kaj persekutitaj de diversaj potenculoj, kiuj ne ŝatis ilian liberpensadon. Multaj homoj ĝis hodiaŭ opinias, ke framasonoj iel konspirative planas regi la mondon.




Jubilea emblemo okaze de la 275jariĝo de la unua germana framasona loĝio "Absalom je la tri urtikoj"

Laŭ Vikipedio „framasonismo estas tutmonda organizo kiu klopodas plibonigi la mondon per tolero. Ĝi estas malnova organizo, kiu uzas sekretajn ritojn de la mezepoka masonista gildo (la franca etimo *franc-maçon* signifas „libera masonisto"). Framasonoj kunvenas ĉe framasona loĝio, celanta la kunhelpon inter siaj membroj kaj ĝenerale la plibonigon de la moraleco, frateco kaj justeco en la socio. Framasonoj ĉiuj asertas ekzistadon de unusola dio, kreinto de la mondo, tamen la framasonaj loĝioj ne apogas specifajn religiojn.

Plejparte framasonoj estas nur viroj, ĉar de la komenco de organizita framsonismo ĝenerale virinoj ne rajtis aliĝi. En t. n. „regulaj" framasonaj loĝioj la reguloj ĝis hodiaŭ malpermesas framasoniĝon de virino, tamen flankogrupoj bonvenigas virinojn. En multaj landoj (Francio, Germanio, Anglio, Svislando ktp.) estas ankaŭ framasonaj loĝioj nur por virinoj."

# Festeno en Blanko

5000 homoj en blankaj vestaĵoj kunvenis la 11an de Aŭgusto 2012 proksime de la *Mikaela Preĝejo* en Hamburg por komune manĝi kaj trinki.
Laŭ simila aranĝo en Parizo (dîner en blanc) ĝi nomiĝas festeno, kvankam ĝi fakte estas pikniko, ĉar ĉiuj mem kunportas la manĝaĵojn por si kaj siaj amikoj.
Ĝi jam okazis kvinfoje dum la pasintaj kvin jaroj en diversaj lokoj en Hamburg. La unua pikniko okazis jam kun 900 partoprenatoj en *Schopstraße* en *Hamburg-Eimsbüttel.* „Hamburg havas multajn belejn lokojn", diris la organizantino *Manon Dunkel, „venontjare eble ie ĉe la haveno".*



Foto: Hueners

# Novaj fenestroj por la sinagogo

**Per 400.000 eŭroj el la urba fonduso por konservi eksterordinarajn konstruaĵojn la urbo Hamburg subtenas la renovigon de la koloraj fenestroj de la sinagogo en *Hohe Weide*.**
La fenestrojn kreis la pentristo *Herbert Spangenberg* (Hamburg 1907 - Hamburg 1984), membro de la *Hamburgia Secesio*. Ili devas esti renovigitaj, ĉar la kadroj rustiĝis kaj detruas la vitron.
Precize la 9an de Novembro 1958, dudek jarojn post la Novembra pogromo kun bruligo de sinagogoj, urbestro *Max Brauer* metis la fundamentan ŝtonon kaj la sinagogo estis inaŭgurita en 1960



**La sinagogo en Hamburg** Foto: Jüdische Allgemeine

# Tradicia ĉina medicino

Apud la hamburga universitata kliniko en 2010 estis inaŭgurita centro por tradicia ĉina medicino. Tie en kunlaboro de la universitatoj de *Hamburg* kaj *Ŝanhajo* kaj instituto el *Dubajo* oni science esploras pri la funkciado de la kuracmetodoj, kiuj en okcidentaj landoj ne jam estas ĝenerale rekonitaj.




La centro estis iniciatita de la asekuro *Hanse-Merkur*, kiu ankaŭ gvidas ĝin. La privatjura entrepreno apartenas je 52% al asekuro *Hanse-Merkur*, kaj po 24% al la universitata kliniko kaj la ŝtato Hamburg.
Krom la sciencaj esploroj la centro ofertas konsultejojn kaj terapiejojn por *akupunkturo*, *tuina* masaĝoj, *ĉigongo*, ĉinaj medikamentoj kaj ĉina dietiko.
Aliaj san-asekuroj en Germanio ĝis nun ne aprobas la tutan tradician ĉinan medicinon, kelkaj almenaŭ transprenas la kostojn por akupunkturo de siaj membroj.
Sabaton, la 11an de Aŭgusto 2012, okazis tago de malfermaj pordoj en la centro en paviliono *O 55* sur la tereno de la kliniko *UKE.* La tuta domo kaj la ĝardeno estis plenaj de homoj, kiuj povis informiĝi kaj ĝui senkostajn konsultadon aŭ masaĝon.




# Tiom kiel vi bezonas

Tio estas la devizo de la *Evangelia Eklezia Kunveno* en 2012 en Hamburg. La esprimo indikas la rilaton al la biblia rakonto pri la ĉiela pano *manao*, kiun dio donis al la Izraelidoj. Ĝi instigu, konfidi sian vivon al Dio.
*KELI - Kristana Esperanto-Ligo Internacia* ankaŭ partoprenos en la akompana ekspozicio por informi per informstando pri Esperantro. *Hedwig Fischer*, vicprezidantino de germana KELI petas la Hamburgajn klubanojn, helpi ĉe la stando en la *foiro de la eblecoj* prezenti Esperanton al la partoprenantoj de la eklezia kunveno de la 1a ĝis 5a de Majo 2013.